# Etnismo

ISSNO930

N-ro 86 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.11.2010



Koncerto en *Nadau*, Aranvalo. Fotis *Ferriol Macip i Bonet.*

## EN TIU ĈI NUMERO:

*Daniele Vitali*

# LA DEFENDO KAJ VALORIGADO DE LA DIALEKTO EN BOLONJO

## EKZEMPLO DE SURTERENA ETNISMO



Vikimedio, *Patrick Clenet.*
**Bolonjo, la du turoj.**

"Bolonja" (bolonje *bulgnaiṡ*, itale *bolognese*) estas la nomo uzata por la dialekto de Bolonjo (bol. *Bulåggna*, it. *Bologna*), ĉefurbo de la administra regiono Emilio-Romanjo (bol. *Emégglia-Rumâgna*, it. *Emilia-Romagna*), en Norda Italio. La dialektoj de Norda Italio estas rapide malaperantaj, kio estas granda kultura perdo, ĉar ili tiom malsimilas de la oficiala itala lingvo, ke oni povas konsideri ilin dialektoj ne de la itala, sed de plia latinida lingvo sen unuecigita formo nek nomo.

Por pruvi la ĉi-supran aserton, tamen sufiĉe fortan (sed ne nur mian, kp. *Hull* 1982 aŭ *Salvi* 1999 cititajn en la bibliografio), ni karakterizos la bolonjan per 10 punktoj, kiel siatempe faris *Jules* ***Ronjat*** per la 19 punktoj, kiujn li uzis por kompari la okcitanan kun la franca (7 el tiuj punktoj rezultis opoziciigi la okcitanan kun la hispana, 8 kun la itala kaj eĉ 16 kun la franca).

### Jen do 10 el pluraj originalaj trajtoj:

1) falo de vortfinaj vokaloj, krom *-a* de in-genraj vortoj: *gât, cavâl* /ˈgaːt, kaˈvaːl/ "kato, ĉevalo", kiel en la franca *chat, cheval* sed male al la itala *gatto, cavallo*, kiuj gardas vortfinajn vokalojn;

2) fonologia distingo inter longaj kaj mallongaj akcentitaj vokaloj: *sâc* - *sacc* /ˈsaːk, ˈsak/ "sako, seka", *mêl* - *méll* /ˈmeːl, ˈmel/ "mielo, mil", *al côr* - *al córr* /alˈkoːr, alˈkor/ "la koro, li kuras" - vokallongeca distingo ne ekzistas en la itala (*sacco, secco, miele, mille, il cuore, corre*), dum en la franca ĝi ne troveblas en ĉi tiuj vortoj (*sac, sec, miel, mille, le coeur, il court*) kaj, ĝenerale, ne estas parto de la moderna lingvo, sed antaŭe oni ja distingis inter *fête* /ˈfɛːt/ "festo" kaj *faite* /ˈfɛt/ "farita";

3) voĉigo de la senvoĉaj konsonantoj de la latina en post-vokala pozicio: *chèvra, saida, fîg* /ˈkɛːvra, ˈsaida, ˈfiːg/ "kaprino, silko, figo" - en la itala tio ne okazis (*capra, seta, fico*) krom en individuaj vortoj verŝajne transprenitaj el la nordaj dialektoj, dum en la franca la fenomeno estas normala (*chèvre, soie, figue* - en la kazo de *soie*, la voĉigon sekvis malapero de la nova voĉa konsonanto, kiel okazis ankaŭ en *roue* "rado",

*fourmie* “formiko” ktp);

4) falo de duoblaj konsonantoj: *cavâla, arivè* /kaˈvaːla, ariˈvɛː/ “ĉevalino, alveninta”, la itala gardas duoblajn konsonantojn (*cavalla, arrivato*), dum la franca faligas ilin (sed ofte ilin skribas, ekz. *arrivé*);

5) fonemo “vela -*n*-” (el antaŭa sistemo de nazalaj vokaloj plu ekzistanta en aliaj dialektoj de Emilio-Romanjo), kiu kreas opozicion kun la fonemo “langopinta -*n*-”: *pan* - *pann* /ˈpaŋ, ˈpan/ “pano, plumoj”, *i scaldén* - *i scaldénn* /iskalˈdeŋ, iskalˈden/ “la varmigiloj, ili varmigis” - tiu fonemo ne ekzistas en la itala; en la franca troviĝas la nazalaj vokaloj;

6) frikativigo de afrikatoj: *zänt, żänt* /ˈθaŋt, ˈðaŋt/ “100, homoj”, kp. france *cent, gens* /ˈsɒ̃, ˈʒɒ̃/, dum la itala gardas la afrikatojn (*cento, gente* /ˈʧɛnto, ˈʤɛnte/);

7) transformo de latinaj personaj pronomoj al subjektaj pronomoj devigaj en la konjugacio: *a dégg, et dî, al dîṡ* /aˈdeg, etˈdiː, alˈdiːz/ “mi diras, ci diras, li diras”, dum *mé a dégg, té et dî, ló al dîṡ* /meaˈdeg, teetˈdiː, loalˈdiːz/ substrekas la subjekton - la franca kondutas pli-malpli same (*je dis, tu dis, il dit* kaj *moi je dis, toi tu dis, lui il dit*) dum la itala ne uzas la personajn pronomojn (*dico, dici, dice*), aŭ uzas ilin por substrekado (*io dico, tu dici, lui dice*);

8) inversiĝo inter subjektaj pronomoj kaj verboj en la demandoj: *csa dégghia?, csa dît?, csa dîṡel?* /ksaˈdegja, ksaˈdiːt, ksaˈdiːzel/ “kion mi diras?, kion ci diras?, kion li diras?” - la franca kondutas pli-mapli same (*que dis-je?, que dis-tu?, que dit-il?*), sed ne la itala, kiu simple ŝanĝas la intonacion (*cosa dico?, cosa dici?, cosa dice?*);

9) la vir-genra pluralo formiĝas ŝanĝante la akcentitan vokalon: *ciôd-ciûd, pass-péss, limån-limón* /ˈʧoːd-ˈʧuːd, ˈpas-ˈpes, liˈmʌŋ-liˈmoŋ/ “najlo-najloj, fiŝo-fiŝoj, citrono-citronoj” - tio ĉi troviĝas nek en la itala, kiu por fari pluralon de vir-genraj vortoj simple anstataŭas -*o* per -*i* (*chiodo-chiodi, pesce-pesci, limone-limoni*), nek en la franca, kie oni aldonas -*s* (*clou-clous, poisson-poissons, citron-citrons*);

10) duobla negacio: *a n dégg brîṡa, a n i vâg brîṡa* /aŋˈdeg ˈbriːza, aɲiˈvaːg ˈbriːza/ “mi ne diras, mi ne iras tien” - denove kondutas same la franca (*je ne dis pas, je n’y vais pas*) sed ne la itala, kies negacio havas nur unu elementon (*non dico, non ci vado*).

Kiel oni vidas, neniu el ĉi tiuj 10 trajtoj troviĝas en la itala, dum preskaŭ ĉiuj ekzistas en la franca. La trajtoj 7 kaj 8, kvankam ili mankas al la itala, tamen aperis kaj parte ankoraŭ aperas en la florenca, t.e. la toskana dialekto de kiu devenas la oficiala itala lingvo (Florenco, kvankam apartenante al tute alia lingva modelo, troviĝas je malpli ol 100 kilometroj de Bolonjo, kaj historie kelkaj nordaj trajtoj transiris la montaron Apeninoj por enradikiĝi ankaŭ en Toskanio). La ceteraj trajtoj mankas evidente ankaŭ al la florenca.



**Vikimedio.** ***Paolo Carboni.***
**Baziliko *San Petronio.***

## LA NORDAJ DIALEKTOJ: APARTA LINGVO

Se oni trovas konvinka la supran ekzemplaron, oni povas konstati ke la nordaj dialektoj (piemontaj, lombardaj kaj emili-romanjaj, kiujn *S. Salvi* nomas “kontinua padia”, kaj liguraj kaj venetaj, kiuj aldoniĝas laŭ iom pli malsimilaj modeloj - krome *G. Hull* konsideras, ke ankaŭ la romanĉa, dolomitladina

kaj friula estis mezepoke parto de la sama lingva sistemo) efektive konsistigas apartan lingvon en la latinida panoramo. Tamen, tiu lingvo ne havas unuecigitan normon kaj eĉ ne havas nomon, ne ekzistante en la konscio de la pli multaj parolantoj, kiuj kredas la lernejan fabelon, laŭ kiu nur la itala estas memstara, literatura kaj plenfunkcia.

La solaj, kiuj donas nomon al tiu lingvo estas la anoj de la pseŭdo-etnisma alo de la ekstremdekstra kaj ksenofobia partio "Norda Ligo" (*Lega Nord*). Tiu partio ekde la komenco de la 90-aj jaroj provas disigi la Nordon de la Sudo: ĝia oficiala linio estas, ke la Nordo konsistigas apartan nacion, nomatan "Padio" (*Padania*), kun tamen tro da diversaj lingvoj, tiel ke ĝi ja sendependiĝu pro ekonomiaj kialoj sed gardu la uzadon de la itala. Male, la pseŭdo-etnisma alo konscias pri la ekzisto de komuna lingvo de la Nordo, kaj provas apogi la sendependisman agadon de la ĝenerala partio pere de lingvaj argumentoj. Estas tiu alo kiu ekzemple publikigis la libron de *S. Salvi*, "kvankam" tiu aŭtoro estas toskano (do nepadiano) kaj maldekstrulo.



***Luigi Lepri/Gigén Lîvra*** **klariganta pri la bolonja dialekto en elementa lernejo.**

Mi nomas tiun alon "pseŭdo-etnisma", ĉar ĝi havas parte naziecajn nuancojn en sia teoria ellaborado, dum etnismo estas politika teorio kiu respektas la etnajn rajtojn de ĉiuj, kaj en tio forte opozicias la klasikan naciismon. La alproprigo de la nomo "padia" por tiu lingvo fare de la Norda Ligo malebligas al lingvistoj uzi ĝin. Mi mem kuraĝas difini mian lingvon padia nur en IKEL-kunteksto, ĉar mi esperas ke en la Esperanto-movado estos pli facile klarigi, ke mi neniel simpatias al la nord-liga tezaro.

Pro la supraj kialoj, uzi tiun terminon ekster la E-movado, kaj ĉefe en mia urbo Bolonjo, historia ĉefurbo de la okcidenteŭropa maldekstro, estus katastrofe laŭ strategia vidpunkto, almenaŭ se oni deziras la sukceson de la "pakaĵo por la defendo kaj valorigo de la bolonja", kiun mi evoluigas ekde 1995.

## UNUAJ KONTAKTOJ KUN LA DIALEKTO

Venante de familio, kie la bolonja dialekto haltis ĉe la geavoj, kaj neniam atingis la gepatrojn, en 1994 mi decidis ke mi lernos la bolonjan kiel fremdan studobjekton (pri kio mi kutimis, ĉar mi estis ĵus finstudinta la germanan kaj la rusan en la universitato). Mankis lernolibroj, mankis modernaj vortaroj (kun la sola, sed nesufiĉa, escepto de la bonegaj studoj de *Pietro* ***Mainoldi*** 1895-1974), kaj ne ekzistis kursoj. Mi provis telefoni al loka asocio, kiu siadire defendas la bolonjan kulturon, por sciiĝi ĉu ili organizas kursojn, sed oni traktis mian demandon kvazaŭ mokon. Mi eĉ iris al katedrulo pri dialektologio, demandante, ĉu li povas konsili al mi kiel lerni la bolonjan, sed tiu profesoro, kiu de 30 jaroj varmigas sian katedron apenaŭ produktante ion legindan, gapis senkomprene.

Mi sciis ke ekzistas kelkaj dialektaj teatrotrupoj, du-tri pupteatristoj kaj unu persono, kiu publike legas la bolonjan kaj verkas librojn pri ĝi. Kaj mi sukcesis kontaktiĝi kun ĉi-lasta: lia nomo estas *Luigi* ***Lepri*** (bolonje *Gigén Lîvra*), kaj li tute ne gapis antaŭ mia stranga peto, tute male! Li komencis regule renkonti min por respondi al mia demandotempesto, ĝis mi havis la ideon sendi niajn surbendigaĵojn al *Luciano* ***Canepari***, profesoro en Venecio kaj mondgrava fakulo pri fonetiko. Kvankam naiva 24-jarulo, mi rapide amikiĝis kun tiuj du imponaj personecoj, kaj en 1995 aperis artikolo, kiun mi kunverkis kun *L. Canepari*, pri la prononco de la bolonja.

## LA KREO DE "NOVA ORTOGRAFIO"

Finfine mi komprenis pli bone kial, kiam bolonjano parolas la italan, oni aŭdas la diferencon kompare kun homoj el aliaj partoj de Italio, finfine mi ankaŭ malkovris kial se alilokuloj imitas la bolonjanojn tamen la rezulto ne estas konvinka kaj, ĉefe, mi fine

Bolonjo, sed en la tuta regiono Emilio-Romanjo kaj ties ĉirkaŭaĵoj: konstatinte, ke la katedruloj plej ofte tute ne konas sian studobjekton kaj publikigas nur regurdadon de malnovaj antaŭjuĝoj (kiel «la dialekto de Pavio kvankam administre en Lombardio estas de emilia tipo», neniam aŭdinte, evidente, kiom la pavia similas la milanan!) aŭ banalegajn soci-lingvistikajn konstatojn (kiel «la dialektoj malaperas antaŭ la pli kaj pli forta influo de la itala»: kia neatendita novaĵo!), ni decidis kolekti kiel eble plej multe da ***vera*** materialo, por iam produkti dialektan mapon de nia regiono.

Tiu studado de proksimaj sed neidentaj dialektoj ankaŭ helpis nin pli bone kompreni kelkajn apartaĵojn de la bolonja, tiel ke mi ekverkis gramatikon (por kroni mian studadon kiu, post fonetiko kaj vortprovizo, povis finfine pasi al morfologio kaj sintakso).



### ĈIUJ GENERACIOJ KUNSTUDAS

Kaj denove la evoluoj estis pli rapidaj ol atendite: en 2002 pluraj junuloj skribis al la Retejo por demandi kie lerni la bolonjan! Parolinte kun impresario *Aldo* ***Jani***, kiu disponigis tutan teatron, ni organizis la unuan bolonjan kurson. Instruisto estis *R. Serra*, ekstera profesoro *L. Lepri*, helpantoj *A. Lelli* kaj *S. Sermenghi*, honora gasto *F. Carpani*. Malgraŭ mia geografia distanco, la formiĝanta grupo nomis min ŝerce «la direktoro». La kurso baziĝis sur la klarigadoj de *Serra* kaj *Lepri* kaj sur la distra programo de *Carpani* kaj aliaj gastoj. *Serra* pretigis ĉiu-foje ekzercojn, sed la sola skriba lernilo estis la gramatika enkonduko, kiun mi estis verkinta por la poŝvortaro de 1999.

Kiam, dum miaj ferioj, iun vesperon mi ĉeestis lecionon, mi estis kortuŝita: partoprenis la kurson maljunuloj kiuj bonege parolis dialekte sed volis ĝin ekskribi, ĉeestis multegaj junaj bolonjanoj kiuj volis lerni la neniam parolitan kaj malofte aŭditan dialekton, venis aliurbaj studentoj, kiuj volis pli bone koni la tradician kulturon de sia gasturbo, ne mankis la meza generacio, kiun ĝenerale oni neniam trovas en libertempaj aktivadoj de la kultura kampo, ĉar ili tro okupatas pro kariero kaj geinfanoj. Ĉeestis krome mia "esperantista patro" kaj mia "esperantista avo", *Lanfranco* ***Bonora*** kaj *Romano* ***Bolognesi***, kiuj instruis al mi Esperanton kiam mi estis 16-jara.

Tiu bunta publiko renkontiĝadis jam de kelka tempo je la 9-a vespere por ***studi kune***! Kaj ili tion faris uzante la fonetikajn kategoriojn de *Canepari* ("vela -*n*-, langopinta -*n*-, longaj kaj mallongaj vokaloj" ktp) kaj mian gramatikan terminaron ("duobla negacio, inversiĝo de la elementoj kaze de interogacio" ktp): tio aspektis preskaŭ miraklo!

### GRAMATIKO POR "INKLUZIVA TUTMONDIĜO"

Mi komprenis ke, por vivteni tian miraklon, oni devas liveri al ĝi taŭgajn instrumentojn. Do mi pliintensigis la verkadon de la Bolonja Gramatiko, strukturita ne laŭ gramatikaj kategorioj, sed laŭ gradoj de kreskanta malfacileco (kiel por nacilingvaj lernolibroj, kaj ĉi-kuntekste multe helpis mia sperto de esperantisto), mi aldonis ekzercojn kaj legtekstojn, apendicojn kaj atentigojn diversspecajn kaj, danke al la komprenemo de la eldonisto, eblis eĉ pagi laŭcelajn ilustraĵojn. La libro finfine aperis en 2005, kaj tuj adoptis ĝin la Kurso kiel lernolibron. Ni prezentis ĝin en septembro; samtempe aperis la krimromano *The Broker*, lokita en Bolonjo kaj verkita de la famkonata usona aŭtoro *John Grisham*, kiu eĉ venis al nia urbo por ĝin prezenti: malgraŭ ĉio

ĉi, dum la unuaj du semajnoj, la Bolonja Gramatiko estis la plej vendata libro en bolonjaj librovendejoj, pli ol *The Broker*! La prezenton ĉeestis tiom da homoj, ke kelkajn tagojn poste urba konsilanto prezentis tagordon, pere de kiu la Urba Konsilio petis la Urbestraron agadi favore al la dialekto, kiel maniero por integrigi novalvenintojn kaj por trankviligi la bolonjanojn pri tio, ke la moderna erao de tutmondiĝo ne plene malaperigos ilian identecon.

Min mem intervjuis pluraj komunikiloj, kaj mi abunde klarigis ke la Kursoj pri la Bolonja estas pli kaj pli vizitataj ankaŭ de neeŭropaj enmigrintoj: temas evidente pri homoj kiuj jam integriĝis ĉar ili jam parolas la italan, sed kiuj scivolemas pri la bolonja kaj foje eĉ konsiderinde bone lernas ĝin. Mi nomis tiun ĉi evoluon, pri kiu mi aparte fieras, ***inkluziva tutmondiĝo***, klarigante en la intervjuoj ke la nova intereso kiu vekiĝis ĉirkaŭ la bolonja venas ĝuste de tutmondiĝo: en la 70-aj jaroj, kiam la italoj estis ĵus amase konkerintaj regadon de la itala kaj preskaŭ ne estis eksterlandanoj sur italia teritorio, oni fortege sentis la opozicion inter “lingvo” kaj “dialekto” kaj malavangarde opiniis, ke la itala definitive fariĝos demokratiiga havaĵo de ĉiuj landaj loĝantoj nur pere de malapero de la dialektoj. Tridek jarojn poste, Italio estas lando de amasa enmigrado el aliaj kontinentoj, kaj oni finfine komprenis ke ne ekzistas nur la itala - finfine, en la granda orkestro de tutmondiĝo, estas loko por ĉiuj, ne nur por la drumo de la angla, sed ankaŭ por la trumpetoj de la oficialaj lingvoj, la flutoj de la minoritataj lingvoj kaj la eta fajfilo de la bolonja. Kaj ni instruas la bolonjan por inkluzivi la eksterlandanojn en la urba vivo, sed ankaŭ por inkluzivi la bolonjanojn en la pli vasta monda socio.

Tiun mesaĝon komprenis la Urba Konsilio, kiu praktike unuanime voĉdonis favore al la tagordo, sed ne la tiama skabeno pri Kulturo: ni formis delegacion por proponi plurajn iniciatojn kiuj plividebligu la bolonjan en nia urbo, sed li tuj haltigis nin rifuzante niajn proponojn, kiujn li taksis nord-ligistaj. Ĝuste la malo de mia inkluziva tutmondiĝo! Ni tamen sukcesis aŭdigi nin ĉe malpli arteriosklerozaj politikistoj, kaj la Urba Retejo eĉ petis nin krei apartan paĝaron pri la bolonja, kiu tiel ricevis iun siaspecan oficialan agnoskon.

Intertempe, la publika videbleco de la bolonja fariĝis pri kaj pli teĥnologia: ekzemple, la Bolonja Gramatiko enhavis du kd-ojn kun la voĉoj de *L. Lepri* kaj *Roberta* ***Montanari***, tiel ke la juna bolonjano *Diego* ***Ferioli***, esperantisto, etnisto kaj lingvemulo, aŭtodidakte studis la bolonjan dum siaj studentaj interŝanĝoj en Norvegio kaj Islando! Krome, pere de la Retejo kontaktiĝis kun ni *Claudio* ***Mazzanti***, bolonja produktisto de tridimensiaj animaciaj filmoj, kiu petis nian lingvan helpon por produkti mallongan tian filmon en la bolonja. La filmoj fariĝis du, kaj aperis do du dvd-oj kiuj rolis kiel popularega kristnaska donaco, aŭdigis la bolonjan al multegaj infanoj kaj, danke al la akompanaj dokumentaj filmoj, diskonigis ankaŭ la aktivadojn de nia «pakaĵo por la defendo kaj valorigo de la bolonja». Ankoraŭ, ni metis plurajn aferojn en *Youtube*, kaj la bolonja ĉeestas ankaŭ sur *Facebook* kaj *Twitter* (kp. la ligojn fine de la artikolo).




Laŭ pli tradicia modelo, ni organiziĝis en neformala grupo nomata *La Bâla dal Bulgnaiś*, kiu krom amikaro estas ankaŭ teamo por pliaj iniciatoj: Stefano ***Rovinetti Brazzi*** organizis posttagmezan kurson pri la bolonja en la liceo, kie li estas instruisto pri la latina kaj malnovgreka, *Gianni* ***Ca-***

*vriani* popularigas tradiciajn bolonjan kantojn, A. Lelli kreis rimaron por la bolonjaj poetoj, R. Serra kun la apogo de sia ĉeĥa edzino parolas bolonje al siaj novnaskitaj ĝemeloj kaj kolektas popolajn fabelojn kaj lulkantojn por publikigo kaj proponado al aliaj gepatroj (li mem tradukis bolonjen la libron «La Eta Princo» - *Al Pränzip Fangén*, por kiam la ĝemeletoj estos pli aĝaj), dum L. Lepri kaj mi publikigis grandan Bolonjan Vortaron (denove dudirekcian) kiu fariĝis plia lernilo por la Kursoj, kaj kun A. Lelli ni ankaŭ kompilis samcelan Proverbaron; fine, la eldonisto Antonio ***Bagnoli*** de Pendragon plilarĝigas sian aktivadon al aliaj partoj de la regiono, kaj fariĝas pli kaj pli «la eldonisto de la emili-romanjaj dialektoj», kaj ni ŝatus produkti kun li bildstrion kaj kelkajn tradukojn de romanoj verkitaj itale de bolonjaj aŭtoroj.

***

Dum malagemaj katedrestroj konstatas ke «la dialektoj malaperas» kaj arteriosklerozaj skabenoj sentencas ke «la dialektoj estas afero de la Norda Ligo», ni daŭrigas nian surterenan aktivadon por ke la bolonja pluvivu sub la insigno de malfermiteco, inkluziveco kaj toleremo... ***DV***

## BIBLIOGRAFIO


**-** Amos **Lelli**, Luigi **Lepri** kaj Daniele **Vitali** 2010, I proverbi di Bologna e dintorni. Pruvêrbi Bulgnîṡ, con appendice «inversa», Bologna: Pendragon, kp. www.bulgnais.com/libri.htmlṄPruvêrbi

**-** ***Canepari*** Luciano, ***Vitali*** Daniele 1995, «Pronuncia e grafia del bolognese», in *Rivista Italiana di Dialettologia* (XIX), pp. 119-164, kp. *www.bulgnais.com/fonetica.html*

**Hull** Geoffrey 1982, The Linguistic Unity of Northern Italy and Rhaetia. Disertacio, Sydney (kun mapo kaj vorttabuloj), kp. www.alpdn.org/alp/index.php

**-** ***Lepri*** Luigi, ***Vitali*** Daniele 2007, *Dizionario Bolognese-Italiano Italiano-Bolognese*

**-** *Dizionèri Bulgnaiṡ- Itagliàn Itagliàn-Bulgnaiṡ*, Bologna : Pendragon (kun aldonaĵoj pri person- kaj loknomoj; 2-a eldono en 2009 kun rimaro de Amos ***Lelli***), kp. www.bulgnais.com/dizionario.html

**- Mainoldi** Pietro 1950, Manuale dell'odierno dialetto bolognese. Suoni e segni, Grammatica - Vocabolario Bologna : Mareggiani (reprintis A. Forni 2000), kp. www.bulgnais.com/pietromainoldi.html

**- Mainoldi** Pietro 1967, Vocabolario del dialetto bolognese (reprintis A. Forni 1996)

**- Salvi** Sergio 1999, La lingua padana e i suoi dialetti, Novara: Libera Compagnia Padana, kp. www.laliberacompagnia.org/_files/SALVI La_lingua_padana.pdf

**- Vitali** Daniele, **Lepri** Luigi 1999, Dizionario italiano bolognese, bolognese italiano, Milano: Vallardi (2-a eldono en 2000), kp. www.bulgnais.com/vocbul.htmlṄLîvra-Vitèli

**-** ***Vitali*** Daniele 2004-2005, «La rivoluzione di velluto dell'ortografia bolognese: da tre a uno», in *Ianua* 5, Revista Philologica Romanica, pp. 107-122, kp. www.romaniaminor.net/ianua/05.htm

**- Vitali** Daniele 2005, Dscårret in bulgnaiṡ? Manuale e grammatica del dialetto bolognese, Bologna : Airplane (con 2 kd-oj; 2-a eldono en 2009), kp. www.bulgnais.com/manuale.html

**-** ***Vitali*** Daniele 2008, «Per un'analisi diacronica del bolognese. Storia di un dialetto al centro dell'Emilia-Romagna», in *Ianua* 8, pp. 19-44, kp. www.romaniaminor.net/ianua/Ianua08/02.pdf
aŭ, kun la grafiko komence konceptita de la aŭtoro, www.bulgnais.com/fonetica-storica-bol.pdf





## LIGOJ

- La Bolonja Retejo: www.bulgnais.com
- La Municipa Retejo: http://accursio.comune.bologna.it/bulgnais
- Studoj pri la emili-romanjaj dialektoj: www.bulgnais.com/dialettologia.html
- La Kursoj pri la Bolonja - raporto en la televido: www.youtube.com/watch?v=ToIVyfER564&feature=related
- La Granda Bolonja Vortaro - raporto en la televido: www.youtube.com/watch?v=Gjp3EUyILSU
- Intervjuo al romanja poeto - raporto en la televido: www.youtube.com/watch?v=YXUJQhMB2I4
- Prezentado de la Granda Bolonja Vortaro - Roberto Serra: www.youtube.com/watch?v=t61wmjPa6ck&feature=related
- Prezentado de la Granda Bolonja Vortaro - Luigi Lepri: www.youtube.com/watch?v=aNdvb_XLCCA&feature=related
- Prezentado de la Granda Bolonja Vortaro - Daniele Vitali: www.youtube.com/watch?v=jccDuWeIL7Q
- Prezentado de la Granda Bolonja Vortaro - Amos Lelli: www.youtube.com/watch?v=iKzCuOy1L4k&feature=related
- Maljunuloj parolas la bolonjan - Giannetto Muzzi: www.youtube.com/watch?v=ts_ApZykR9Y&feature=related
- Maljunuloj parolas la bolonjan - Adriana Forcellini: www.youtube.com/watch?v=QRSh50t9MrM&feature=related
- La unua animacia filmo en la bolonja: www.youtube.com/watch?v=8uGAWp9X7Os&feature=related

Facebook: www.facebook.com/pages/Al-Caurs-ed-Bulgnais-Il-Corso-di-Bolognese/111352735570471
Twitter: http://twitter.com/AlSitBulgnais
www.youtube.com/watch?v=ts_ApZykR9Y&feature=related

*Wim Jansen*

# Valzaj spertoj en Alagna (Valsesia)




La vilaĝo *Alagna* troviĝas ĉe la fino de la valo de la rivereto *Sesia*, kiu naskiĝas sur la deklivoj de Monto Roza (itale: *Monte Rosa*) kaj elfluas multe pli sude en la riveron *Pado*. Ĝi estas unu el la bastionoj de la ĝermandevena valza lingvo, kiu en Italujo estas parolata en kelkaj vilaĝoj sude kaj oriente de Monto Roza. En Alagna, kies valza nomo estas *Im Land*, mi kun la edzino pasigis du feriosemajnojn en junio ĉi-jare. Dank'al la helpema municipa oficistino pri la valza minoritato, miaj ferioj parte transformiĝis en studseminarion kun speciala atento al la itallingva librego "*I Walser e la loro lingua*", "La valzoj kaj ilia lingvo", aperinta en 2008 sub la ĉefredakto de *Sergio Maria Gilardino*[1].

Estis la vilaĝa kuracisto *Giovanni Giordani*, kiu la unua verkis gramatikon kaj bazan vortaron laŭ la *Alagna*- varianto de la valza lingvo, aperintan en 1891, unu jaron post lia morto, kaj reeldonitan en 1927. La valza certe meritis aktualigon de tiu verko mejloŝtona, sed tro strikte bazita sur unu loka varianto kaj lingvopriskribe kaj terminologie nepreciza. Dum longaj jaroj da klopodado, la vortaristoj *Peiter Ferraris*, *Hans Peiter Viotti* kaj aliaj volontuloj kunmetis la esencon de la 900-paĝa unudirekta itala-valza vortarego. Ĝin finredaktis la menciita lingvisto *Gilardino*, aldonante al ĝi lingvohistorian enkondukon. La rezulto estas lukse bindita, belpapera, abunde ilustrita kaj informriĉega libro – longe atendita monumento por la valza. Pri kelkaj surprizoj en la enkonduko de *Gilardino* mi ne povas ne raporti ĉi-loke, ĉar se mia juĝo estas prava, temas pri pli ol surprizoj, nome pri malveroj kaj fantaziaĵoj, kiuj povus subfosi la entutan fidindecon de la enkonduko.

Kutime, nuntempaj historiistoj lokas la originon de la valzoj en la german-svisa limregiono kaj rigardas la alemanan tribon kiel ilian prapopolon,[2] sed la subtitolo de la verko de *Gilardino*, "De la alta nordo al la Alpoj", sugestas multe pli malproksime nordan devenon. La aŭtoro citas la sensukcesan ribelon de saksaj kamparanoj kontraŭ Karolo la Granda (792) kaj ilian pundeporton al Burgundujo. Poste, tiuj saksoj, neinklinaj miksi sin kun la lokaj burgundoj, estus migrontaj orienten, tra la Rodana valo, ĉiam pli foren kaj alten en la montarojn, tra nuntempa Svislando ĝis la marĝenoj de i. a. Italujo. Jen kiel estus naskiĝinta, laŭ *Gilardino*, la popolo nuntempe konata kiel la valza. Dum mi provis sekvi la rezonadon de la aŭtoro, leviĝis ĉe mi abundo da demandoj, sed, ne estante historiisto, mi lasu ilin kaj prefere turnu la atenton al la lingvistika aspekto, kun kiu mi estas pli familiara. La plej konsternan apogon




**Situo de *Alagna* en Norda Italio.**

de siaj historiaj konjektoj la aŭtoro prezentas en sia aserto, ke «la propraĵoj de la valza lingvo[3] montras al ni tre arkaikajn formojn, kiujn la valza ne dividas kun iu ajn svisa aŭ sud-germana dialekto.» Diversloke en sia enkonduko *Gilardino* proklamas iun saksan-valzan identecon, bazante sin ĉefe sur sia observo, ke 'kred-', *hailig* 'sankta' kaj *gaist* 'spirito' diferencas de la old-saksaj longaj [ō] kaj [ā] en *gelōb*-, hālog kaj gāst, sed koincidas kun la sonoj en la old-alt-germana. Interese, la vokalsistemo montriĝas nur parte 'infektita' de la senakcenta, muta -e- (fonetike: [ə]). La pluralo de masklaj substantivoj finiĝas ne per

| Sonŝoviĝo[5] | OS | OAG | NAG | valza | Esperanto |
|---|---|---|---|---|---|
| [p]→[pf], [f] | hel**p**an | hel**f**an | hel**f**en | hal**f**e | helpi |
| | o**p**an | o**ff**an | o**ff**en | o**ff**end | malferma |
| [t]→[c], [s] | her**t**a | her**z**a | Her**z** | her**z** | koro |
| | wa**t**er | wa**zz**ar | Wa**ss**er | wa**ss**er | akvo |
| [k]→[kĥ], [ĥ] | ma**k**on | ma**hh**on | ma**ch**en | ma**ch**u | fari |
| | bo**k** | buo**h** | Bu**ch** | bua**ch** | libro |

la Alt-germana Sonŝoviĝo, (*Lautverschiebung*), okazinta iam inter la jaroj 500 kaj 1000, tuŝis nek la saksan nek la valzan. Pri la saksa li pravas, sed ni rigardu la ĉi-suban tabelon, en kiu mi komparas la old-saksan (OS), old-alt-germanan (OAG), nov-alt-germanan (NAG) kaj valzan (kun Esperanta posttraduko):[4]

Malgraŭ la ortografiaj obstakletoj manifestiĝas klara distingo inter unuflanke la old-saksa, netuŝita de la sonŝoviĝo, kaj aliflanke la alt-germana kaj la valza, kiuj estas identaj el la vidpunkto de siaj konsonantstrukturoj. Kie ajn oni serĉas en la vortara parto vortojn trafeblajn de la sonŝoviĝo, oni trovas ilin senescepte: *zeini* (NAG *zehn*, 'dek'), *dos* (NAG *das*, 'tio'), *äpfil* (NAG *Apfel*, 'pomo'), *setze* (NAG *setzen*, 'meti'), ktp. Kiel povas esti, ke *Gilardino* identigis la valzan al la saksa kaj ne vidis, ke la sonŝoviĝo trafis la valzan en ĉiuj ĝiaj kandidataj konsonantoj??



**"Nur al Dio la honoron".**

Ankaŭ en la valza vokalsistemo *Gilardino* vidas la daŭrigon de la saksa aŭ almenaŭ de ekskluzive nordaj, bas-germanaj pralingvoj, sed ankaŭ en tiu kampo ĉiu kontrolo en la vortaro malpravigas lin. La akcentitaj diftongoj [aŭ] kaj [aj] en la valzaj *glaub*-

[ə] kiel en NAG, sed per [a]: tog-a 'tago-j', tisch-a 'tablo-j', k. s. Infinitivoj montras diversajn plenvokalajn finaĵojn: *mach-u* 'far-i', *šäg-i* 'dir-i', *goh* (kun longa o) 'ir-i', sed eble mutan finaĵon en *sprach-e* 'parol-i'. Sufiĉas rerigardi la supran tabelon por konstati, ke la plenvokaleco en senakcentaj pozicioj estis trajto tiel de la old-saksa (bas-germana) kiel de la old-alt-germana. El la nereduktiĝoj al [ə] en la valza ne eblas tiri konkludon pri ĝia baseco aŭ alteco, sed nur pri la konservo de ĝia oldeco.

Se mi kiel lingvisto-neĝermanisto devus esprimi hipotezon pri la deveno de la valza lingvo sen plia studo ol tiu de la vortara materialo en la verko, mi dirus, ke ĝi evoluis el iu germana varianto, **post** iu limdato, kiun pravigu la ĉeesto de ĉiuj efikoj de la Alt-germana Sonŝoviĝo (ni diru: certe post la jaro 600) kaj kiu kvalifiku ĝin **alt**-germana, sed **antaŭ** iu limdato, kiun pravigu la foresto de [ə] en senakcentaj silaboj kaj kiu kvalifiku ĝin **old**-germana (certe antaŭ la jaro 1100). Tio stampus la valzan alt-germana kaj rekte naskita el iu olda varianto inter 600 kaj 1100.

Unuavide, tiu hipotezo aspektas kiel simpla konfirmo, almenaŭ kiel nekontraŭdiro de tio, kion oni

legas en fidindaj fontoj pri la alemana fono de la valzoj. Restas mia perplekseco pri *Gilardino*: se tiuj liaj lingvistikaj rezonadoj, kiujn mi kontrolis, estas efektive tiel eraraj kiel mi supozas, kion pensi pri ĉiuj nekontrolitaj pensfadenoj lingvaj kaj historiaj? Lia kontribuo al la librego restas por mi granda mistero. Des pli ni ĝoju, ke, laŭ mia unua impreso, la veraj vortaristoj *Ferraris* kaj *Viotti* faris absolute imponan laboron.

En *Alagna* devus esti inter 20 kaj 40 parolantoj de la valza. Ĉu mi aŭdis iun paroli la lingvon? Ne, sed mi devas konfesi, ke principe mi ja feriis kaj ne vere serĉis ilin. ***WJ***




**"Al la segejo".**

Notoj:

[1] Pri ĉiuj tradukoj el diversaj lingvoj en Esperanton responsas mi mem (*WJ*).

[2] Vidu en Esperanto ekzemple: http://eo.wikipedia.org/wiki/Valzoj.

[3] La valza de *Alagna* nomiĝas en la propra lingvo *titzschu* [titŝu], sed mi preferas teni min je "valza" kiel ĝenerala termino por la tuta dialektaro de la valzoj.

[4] Mi ne favorus la cititajn neologismojn en la ĉiutaga lingvouzo, sed ĉi tie, kie ofte ĉefrolas nemiskomprenenda kontrasto inter "nova" kaj "malnova", "alta" kaj "malalta", mi uzas "olda" kaj "basa" kvazaŭ partojn de fakterminoj.

[5] Inter rektaj krampoj citiĝas ne *skribliteroj*, sed *sonoj*, en kiuj la Esperanta alfabeto simbolas ilian prononcon.

[6] Mi demandas min, ĉu *Etnismo* estas la unua revuo entute, kiu aperigas se ne recenzon, almenaŭ seriozan diskuton pri parto de la verko. Diversmaniere orientitaj serĉadoj en *Google* malkovris eĉ ne unu recenzon en la itala aŭ alia lingvo. Interreta materialo ŝajnas, do, manki (en aŭgusto 2010).

### Literaturo

- *Gilardino, Sergio Maria* (red.) (2008). "*I Walser e la loro lingua*". *Alagna Valsesia, Zeisciu*. Librovendeje havebla. ISBN 978-88-87405-27-9.
- *Giordani, Giovanni* (1927). "*La colonia tedesca di Alagna-Valsesia e il suo dialetto". Varallo Sesia, Unione Tipografica Valsesiana*. Nur en bibliotekoj aŭ brokante trovebla.

**Fotoj:** *Wim Jansen.*

*KIMURA Goro Christoph*

# DEKLARO PRI SENDEPENDIĜO DE RJUKJUA AŬTONOMA RESPUBLIKO

Je la 2010-a jaro ni deklaras la sendependiĝon de "Rjukjua Aŭtonoma Respubliko". Nun en Okinavo-gubernio, kiu estas nur 0,6% de Japanujo, troviĝas 74% de la enlandaj usonaj militbazoj. Tio estas klara diskriminacio. En 2009 *HATOJAMA Jukio* kiel partiestro de la Demokratia Partio promesis antaŭ rjukjuanoj, ke li igos militbazojn translokiĝi "almenaŭ eksteren de Okinavo". Li iĝis ĉefministro de Japanujo poste en la sama jaro, sed je la 5-a monato de 2010 la promeson li forĵetis kvazaŭ paperrubon, konsentante kun Usono konstrui novan bazon en alia parto de Okinavo, Henoko. Li plie proponis okazigi usonajn militekzercojn sur la insulo *Tokunoŝima*, parto de la historia *Rjukju*-kulturregiono. La Japana registaro tutan *Rjukju*-insularon kiel oferŝafon al Usono oferas. Ĝi preferas union kun Usono al paca vivo de la rjukjuanoj, kiuj japanaj ŝtatanoj estas. Rjukjuanoj pledadis por forigi la militbazojn jam antaŭ 1972, kiam Okinavo [post la Usona okupo ekde 1945] reiĝis parto de Japanujo. Sed ankoraŭ nun la usonaj militbazoj antaŭ la okuloj de la rjukjuanoj troviĝas. Akcidentoj kaj krimoj rilataj al la bazoj neniam ĉesas. Kion signifas usonaj militbazoj por japanoj? Ĉu ĉiuj japanoj povas pravigi per "paco kaj prospero de Japanujo" la viktimigadon de rjukjuanoj? Ne eblas daŭre ŝarĝi nin per usonaj militbazoj, ignorante niajn volojn kaj vivrajtojn kiel popolo. Ni rjukjuanoj regataj de Japanujo, kiu ne povas sendependiĝi de Usono, senĉese vivas sub la timo de milito kaj ne povas pace vivi. Rjukjuanoj nun deklaras sendependiĝon disde Japanujo. Rjukjuaj insuloj ĉiuj egale konsistigos aŭtonoman respublikan

**La rjukjuaj lingvoj, parolataj en la rjukju-insuloj, apartenas al la japanidaj lingvoj. Nur malmulto da tiuj insularoj plu kapablas paroli tiujn malaperantajn lingvojn. Plej multaj parolas ilin en Okinavo mem. Ili ne estas oficiale rekonataj sed tradicie konsiderataj kiel "dialektoj de la japana", male al la opinio de plej multaj lingvistoj. Ili estas la solaj lingvoj, kies parenco kun la japana lingvo estas pruvita. Ili estus disiĝintaj de la japana ekde la VI-a jarcento. (el Vikipedio.)**

kriminacia politiko kontraŭ tiu aneksita gubernio daŭras, povas esti ke ideoj de aŭtonomio aŭ eĉ sendependiĝo gajnos pli da subteno. Iama deputito de la japana parlamento *KINA Ŝokiĉi* el Okinava en sia libro antaŭ ne longe malkaŝis, ke la nuna japana ĉefministro, *KAN Naoto*, interparole diris al li (duonŝerce?), ke ankaŭ li pensas sendependiĝon de Okinava ne malbona ideo. ***KGC***

***Hektor Alos i Font***

# *LEĜO PRI LA OKCITANA EN KATALUNIO*

La 22-an de septembro la parlamento de Katalunio per 117 voĉoj kontraŭ 17 aprobis la novan leĝon pri la okcitana lingvo, kiu disvolvas la artikolon 6.5 de la nova katalunia ĉefleĝo ("statuto de aŭtonomeco") aprobita en 2006. Ĉi tiu artikolo deklaras, ke «la okcitana lingvo, nomata arana en Arano, estas la lingvo propra al tiu teritorio kaj estas oficiala en Katalunio». Sukcesi, ke lingvo parolata de malpli ol milono de la katalunia loĝantaro en anguleto de la lando, estu efektive, kaj ne nur laŭvorte, unu el la tri oficialaj lingvoj de la tuta aŭtonoma komunumo, kune kun la kataluna kaj la hispana, estis la defio de tiu ĉi leĝo.



**Centra parto de la arana valo fotita el *Vilamòs*. La urbeto videbla centre dekstre estas *Arròs*.**




## LA OKCITANA EN ARANO

Arano estas malgranda regiono (634 km²) kun ĉ. 10.000 loĝantoj situanta en la nord-okcidenta angulo de la Kataluna Aŭtonoma Komunumo (32.000 km² kaj 7,5 milionoj da loĝantoj). Ĝia situo en la norda flanko de la centraj Pireneoj komprenigas, ke la indiĝena lingvo estas la okcitana, parolata en la tuj senpera suda triono de Francio kaj en pluraj alpaj valoj de Piemonto fare de eble 3 milionoj da homoj en teritorio kun entute ĉ. 15 milionoj da loĝantoj. Tamen la ekonomia prospero de Arano en la lastaj jardekoj danke al turismo puŝis la denaskajn okcitanlingvanojn en minoritatecon: 39% de la arananoj estas denaske hispanlingvaj, 24% okcitanlingvaj, 15% katalunlingvaj, 6% galeglingvaj kaj 15% alilingvaj. Tiuj datumoj komprenigas efektivan endanĝeritecon de la okcitana en Arano,

**La rjukjuaj lingvoj, parolataj en la rjukju-insuloj, apartenas al la japanidaj lingvoj. Nur malmulto da tiuj insularoj plu kapablas paroli tiujn malaperantajn lingvojn. Plej multaj parolas ilin en Okinavo mem. Ili ne estas oficiale rekonataj sed tradicie konsiderataj kiel "dialektoj de la japana", male al la opinio de plej multaj lingvistoj. Ili estas la solaj lingvoj, kies parenco kun la japana lingvo estas pruvita. Ili estus disiĝintaj de la japana ekde la VI-a jarcento. (el Vikipedio.)**

kriminacia politiko kontraŭ tiu aneksita gubernio daŭras, povas esti ke ideoj de aŭtonomio aŭ eĉ sendependiĝo gajnos pli da subteno. Iama deputito de la japana parlamento *KINA Ŝokiĉi* el Okinava en sia libro antaŭ ne longe malkaŝis, ke la nuna japana ĉefministro, *KAN Naoto*, interparole diris al li (duonŝerce?), ke ankaŭ li pensas sendependiĝon de Okinava ne malbona ideo. ***KGC***

*Hektor Alos i Font*

# LEĜO PRI LA OKCITANA EN KATALUNIO

La 22-an de septembro la parlamento de Katalunio per 117 voĉoj kontraŭ 17 aprobis la novan leĝon pri la okcitana lingvo, kiu disvolvas la artikolon 6.5 de la nova katalunia ĉefleĝo ("statuto de aŭtonomeco") aprobita en 2006. Ĉi tiu artikolo deklaras, ke «la okcitana lingvo, nomata arana en Arano, estas la lingvo propra al tiu teritorio kaj estas oficiala en Katalunio». Sukcesi, ke lingvo parolata de malpli ol milono de la katalunia loĝantaro en anguleto de la lando, estu efektive, kaj ne nur laŭvorte, unu el la tri oficialaj lingvoj de la tuta aŭtonoma komunumo, kune kun la kataluna kaj la hispana, estis la defio de tiu ĉi leĝo.






**Centra parto de la arana valo fotita el *Vilamòs*. La urbeto videbla centre dekstre estas *Arròs*.**

## LA OKCITANA EN ARANO

Arano estas malgranda regiono (634 km$^2$) kun ĉ. 10.000 loĝantoj situanta en la nord-okcidenta angulo de la Kataluna Aŭtonoma Komunumo (32.000 km$^2$ kaj 7,5 milionoj da loĝantoj). Ĝia situo en la norda flanko de la centraj Pireneoj komprenigas, ke la indiĝena lingvo estas la okcitana, parolata en la tuj senpera suda triono de Francio kaj en pluraj alpaj valoj de Piemonto fare de eble 3 milionoj da homoj en teritorio kun entute ĉ. 15 milionoj da loĝantoj. Tamen la ekonomia prospero de Arano en la lastaj jardekoj danke al turismo puŝis la denaskajn okcitanlingvanojn en minoritatecon: 39% de la arananoj estas denaske hispanlingvaj, 24% okcitanlingvaj, 15% katalunlingvaj, 6% galeglingvaj kaj 15% alilingvaj. Tiuj datumoj komprenigas efektivan endanĝeritecon de la okcitana en Arano,

mento – popolreprezentantoj povu paroli en la teritorie oficialaj lingvoj, evidentiĝas, ke ekzistas sento ĉe vasta plimulto de la majoritatlingvanoj (kaj en parto de la minoritatanoj), ke la hispana estas ne nur la lingvo kun signife pli multaj parolantoj, sed ankaŭ ke ĝi ial estas pli digna ol kiu ajn alia uzata en la ŝtato. La aliaj lingvoj estas uzeblaj nur en siaj teritorioj kaj ili laŭeble ne estu videblaj ekster ili. Ke ilin oni sentas iel hontindaj kaj kaŝindaj montras ekzemple, ke senescepte ĉiuj ŝtataj televidoj, inkluzive de la publikaj, petas al minoritatlingvanoj esprimi sin en la hispana lingvo antaŭ la kameraoj, eĉ se okaze de kolektiva intervjuo ili ĵus respondis la saman demandon en loka lingvo. Kontraste, la katalunia leĝo pri la okcitana deiras el tute alia perspektivo kaj sentemo: ĉiuj lingvoj meritas la saman respekton, same kiel ĉiuj civitanoj, sendepende de ilia denaska lingvo. Tamen certe ne eblas facilanime pritrakti ĉiujn parolatajn lingvojn en teritorio, kvazaŭ ili estus same disvastigitaj en la socio, ĉar tio praktike malebligus la efektivan defendon de la rajtoj de la civitanoj uzadi siajn lingvojn. La leĝo, do, montras, kiel Hispanio povus tutŝtate oficialigi ankaŭ aliajn lingvojn krom la hispana kaj ekagi por ilia dignigo en la parlamento, amaskomunikiloj, lernejoj ktp.




### POLITIKO PROTEKTANTA LINGVON EBLAS

Entute, la nova leĝo kaj la jama agado por la okcitana en Arano en la lastaj preskaŭ tri jardekoj montras, ke eblas firma laŭŝtupa politiko por protekti la lingvojn kaj la lingvajn rajtojn de la civitanoj. Katalunio evidentigas tion per sia agado favore al la kataluna kaj la okcitana lingvoj, kvankam nuntempe ili estas klare minoritataj kiel denaskaj lingvoj same en Katalunio kiel en Arano – kaj tiuj politikoj ĝuas la longedaŭran vastegan subtenon de ĉ. 90% de la loĝantaro. En aliaj landoj, ekz. en Francio aŭ en partoj de Hispanio, io tia ne okazas – tamen, kiel evidentiĝas, ne pro neeblo, sed pro politika maldeziro doni egalajn rajtojn al la civitanoj kaj deziro malaperigi la landan lingvan riĉecon.

***HaiF***

La aŭtoro dankas *Ferriol Macip i Bonet* pro liaj komentoj kaj riĉigaj informoj post legado de malneto de tiu ĉi artikolo. Ankaŭ la fotoj de la artikolo kaj de la kovrilpaĝo estas de *Ferriol Macip i Bonet.*

---

*Nicole Margot*

# RENKONTO KUN FRIULANO

Sur la manĝeja teraso de la ĉemara turista vilaĝo *La Pineta*, en *Lignano Sabbiadoro*, kie okazis lastaŭguste la Itala Kongreso de Esperanto, mi havis la okazon alparoli esperantiston, kiu rapide montriĝis fervora friulano. Kaj tuj mi improvizis intervjuon por ***Etnismo***.



*Mario Ragogna* fieras pri sia tipe friula familinomo. Li loĝas kaj naskiĝis en *Azzano Decimo* en la provinco de *Pordenone,* en la regiono Friulo-Venetio Julia, kie ĝuste okazis la kongreso. *Azzano Decimo* proksimas




Situo de Friulo-Venetio Julia en Italio.

proksimas la landlimon kun la veneta regiono, inter la venetaj provincoj de Venecio kaj de Trevizo. Jam liaj prauloj loĝis en tiu vilaĝo, kiam ĉiuj vilaĝanoj ankoraŭ parolis friule. Kaj oni sentas veran suferon ĉe *Mario*, kiam li plu rakontas, ke nun la veneta lingvo, pli facile komprenebla por italoj, "invadis" la vilaĝon pro enmigrado de najbaraj venetparolantoj. Hodiaŭ Mario povas paroli sian denaskan lingvon nur kun kelkaj amikoj en la vilaĝo.

Inter la du Mondmilitoj, kaj post la dua, multaj friulanoj elmigris en aliajn partojn de Eŭropo, Kanaden kaj Argentinen. Tiam venetaj kamparanoj okupis la lokon de la elmigrintoj.

*Mario* rakontas pri la historio de sia regiono: Friulo italiĝis en 1866. Ĉirkaŭ la deka jarcento ĝi jam ekzistis, kiel aŭtonoma regiono, la "*patria del Friuli*", sub la regado de la patriarko de *Aquileia*. Ekzistas friula literaturo ekde la 14-a jarcento. Ekde 1420 Friulo apartenis al la Venecia Respubliko kaj je la falo de tiu Respubliko, Napoleono asignis ĝin al la Aŭstro-hungara Imperio.

Kvankam la friula regiono nun ĝuas pri aŭtonomeco kaj la friula lingvo estas koncernata kaj protektata de la leĝo 482/99, tiu lingvo ne instruatas en la lernejo [Fakte apenaŭ ekzistas kelkaj eksperimentoj, NdR].

Kaj *Mario Ragogna* pesimismas kaj tristas pri la estonto de sia amata denaska lingvo.

Kvankam 400.000 homoj ankoraŭ parolas ĝin, la lingvo malpli bone fartas, laŭ Mario, ol la ladina de la Dolomitoj kun nur 30.000 parolantoj, sed kiu estas en lernejo instruata.

La lingvo pli parolatas en la orienta parto de la regiono (ĉar ne invadita de la veneta), tamen ĝi ne transdoniĝas al la infanoj.

La friulanoj ne batalas por sia lingvo, konfesas *Mario Ragogna*. Li mem havas tri filinojn, nur unu parolas la friulan, la aliaj parolas nur itale, eĉ ne venete kiel sia patro.

La vasteco kaj la multlingveco de la regiono Friulo-Venetio Julia certe kontribuas al la malfortiĝo de la friula lingvo, laŭ Mario. Ne ekzistas solidareco inter la tri regionaj lingvoj. La plej granda parto de la instruistoj ne estas friulanoj.

Kiam ni insistas por trovi iun pozitivan signon, *Mario* koncedas, ke ja ekzistas iu asocio en *Udine*, la "*Società Filologica Friulana*", kaj ĝi instruas la lingvon. Ja estas iu espero, ke venontjare la friula ekestos instruata en elementa kaj meza lernejo. Ja, aldonas li, ekzistas gazeto kaj radio en la friula. ***NM***

## LA FRIULA LINGVO

**La friula lingvo apartenas al la raetiaj[1] lingvoj, latinidaj lingvoj, kiuj entenas la romanĉan, parolatan en orienta Svislando, la ladinan, en la italaj dolomitoj, kaj la friulan, uzatan en la regiono Friulo-Venetio Julia, apud la veneta kaj la slovena. La itala lingvisto *Graziadio Isaia Ascoli*, naskiĝinta en la friula urbeto *Gorizia*, prezentis en 1871 teorion pri la samfamilieco de tiuj trilingvoj.**

**Noto:**

**[1] Tiu komuna termino por la tri lingvoj estis proponata de *Daniele Vitali* en la numero 50 de *Etnismo* kaj rediskutita en la numero 79.**

# KONCIZE EL ...

**Francio - Ĉu lasta ŝanco por la regionaj lingvoj?** «Ne estos leĝo por regionaj lingvoj»: tion ni anoncis en *Etnismo* 84, fine de 2009. Efektive, kvankam la francia konstitucio agnoskas ekde julio 2008, ke la regionaj lingvoj «apartenas al la kultura heredaĵo de la respubliko», la registaro decidis, ke ne necesas leĝo por ilin protekti kaj promocii, malrespekte al antaŭa promeso. Kaj la lokaj povoj ne estas sufiĉe fortaj por vere decidi pri lingvaj aferoj, en lando, kie la franca estas fakte la ununura lingvo de la respubliko (artikolo 2a de la konstitucio). Tamen ankaŭ eŭropaj instancoj kritikis tiun malestimon al propra heredaĵo, kiu sen subteno baldaŭ malaperos. Konsekvence grupo da deputitoj, same el la plimulto (UMP kaj aliancanoj) kaj malplimulto (ĉefe el socialista partio), prezentis "leĝproponon por la disvolviĝo de la regionaj lingvoj kaj kulturoj". Malfacilas resumi tekston, kiu konsis-